# ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: MARTIN, Slovakotour, ČSR-Slovakujo
VI-a JARKOLEKTO • FEBRUARO 1951 • NUMERO 2



## Informoj de SES:

**V Čs. výbore obrancov mieru** sú traja esperantisti (zo Slovenska akad. maliar Martin Benka, nár. umelec).

**Súťažíme!** Miestna skupina SES v Martine zaviedla súťaženie medzi členmi. Boduje sa: účasť na schôdzkach, presná dochádzka, účinkovanie (prednes vlastného esperant. textu sa boduje vyššie, cudzieho nižšie). O účasti sa vedie presný záznam a práve tak i o účinkovaní. Každý sa však môže uplatniť i v takzv. 5-minútovke.

**Nereklamujte 11—12 číslo:** budeme ho môcť rozoslať až nám tlačiareň dodá 24-stránkovú obrázkovú prílohu (80 obrázkov) Sprievodného textu je na 8 stránok, je už hotový, ale hĺbkotlačové oddelenie je preťažené prácou.

**Esperantské knihy** dnes veľmi ťažko dostať. Ak chcete lacno získať mnoho dobrého a zaujímavého čítania, objednajte si *minulé ročníky Esperantisto Slovaka*. Dodáme Vám ich, kým zásoba stačí, za sníženú cenu (II. roč. Kčs 20.—, III. a IV. roč: po Kčs 35:— Slov. esp. ústav, Martin, Slovakotour.

**Oprava:** syn P. Rosu sa menuje Branislav a manželka Etela.

**Členské poplatky na rok 1951:** riadny člen (s časopisom) Kčs 100.—, členstvo bez časopisu Kčs 60.—, členstvo v odbore mládeže (do 18. r. bez časopisu) Kčs 24.—, časopis „Esperantisto slovaka" na rok Kčs 70.—, do cudziny na oznámenú adresu Kčs 80.—

**Každú trvalú zmenu adresy** hláste hneď redakcii časopisu „ES" a SES-OF! Adresa: Martin, Slovakotour.

**Schôdzky našich skupín:**

*Bratislava:* Každú stredu o 20. hod. v Modrom salónku YMCA, Malinovského.

*Košice:* každú stredu o 19.30 v učňovskej škole (Modlitebná 1).

*Lipt. Sv. Mikuláš:* každú stredu o 19. hod. v klubovni Slovakotouru.

*Martin:* Každú stredu o 17. hod. v Klubovni ZK MS, Matica slovenská, I. posch. č. dv. 14.

*Trenčín:* Každý štvrtok od 17. do 19. hod. v klubovni ZK ROH v spoločenskom dome Meriny, n. p., Pod Sokolicami.

Ak vo vašom bydlisku niet esperantského klubu, zúčastňuje sa aspoň občas na schôdzkach klubu najbližšieho.

**ESPERANTISTO SLOVAKA** (adresa: Martin, Slovakotour), časopis Slov. esperantského ústavu, vychádza mesačne. Zakladateľ A. Váňa. — Redigujú: E. V. Tvarožek a zodp. zástupca Dr. Ľ. Izák. — Predplatné na rok Kčs 70.—, do cudziny Kčs 80.—. — Účet Pošt. sporit.: S-9615, Slov. esperantský ústav, Martin. — Novin. výplatné pov. Riad. pôšt pod číslom 22.857-I.-1948. Dozorný a podací pošt. úrad Martin. — Výmer PIO č. 27.407/49-III/2.

**ESPERANTISTO SLOVAKA** (adreso: Martin, Slovakotour, ČSR-Slovakujo), organo de Slovaka Esperanto-Instituto, aperas monate. Fondinto A. Váňa. — Redaktas: E. V. Tvarožek kaj la respondeca reprezentanto D-ro. Ludoviko Izák. — Abonprezo por eksterlando: 16 respondkuponoj aŭ egalvaloro en Esperantaj libroj.

Tlačiareň — Presejo: Tlač. závody TATRAN, n. p., Martin.

---

## Ako propagovať?

Mnohí prihorliví samideáni si myslia, že propagovať našu vec znamená chytiť človeka, rozprávať mu toľko o esperante (a obyčajne zveličovať jeho ľahkosť), až úbožiak kapituluje, kúpi si od nás učebnicu, prípadne vyplní prihlášku do organizácie. Sú šťastní, že získali zase niekoho. To je omyl — takého človeka sme obyčajne navždy stratili pre našu vec, lebo sme ho priam otrávili.

Nikdy nebuďme násilní, no vytrvalí, pokojní: znášajme s úsmevom i hlúpe narážky a vyvracajme ich slušne, ale rozhodne faktami. Pravda, napred ich musíme sami poznať. Stalo sa mi už viac ráz, že som rozprával posmeškárom o esperante, o hnutí, o možnostiach; ukázal som im časopisy, listy, podal dôkazy; týmto všetkým, ale najmä pokojom a dobrou náladou som tak otriasol ich nepriateľským postojom, že sa vyvinul celkom vážny rozhovor a odchádzali, aj keď nie presvedčení, aspoň informovaní.

Verejnosť je ešte veľmi neinformovaná o našej veci. Medzi neinformovanými nemôžeme nájsť stúpencov a pokúšať sa o to je iba mrhanie silami. Podať neesperantistom dôkaz o použiteľnosti esperanta je viac ako veľa rečnenia. Verejnosť musí o nás napred vedieť, musí vidieť našu prácu a potom nás bude i podporovať, alebo aspoň nebude robiť prekážky našim snahám. A to už bude veľký úspech, lebo doteraz nám najviac chýbalo pochopenie. Získať ho — je prvá úloha našej propagácie.

*E. V. T.*

**Zprávu o činnosti,** veľmi zaujímavú a obsažnú, vydala Miestna skupina SES v Trenčíne. Zračí sa z nej nielen príkladná iniciatívnosť a obetavosť vedúcich samideánov, najmä Jána Lamačku, ale i záujem a vytrvalosť členstva. Blahoželáme!

**Slovakotour v Bratislave** (Reduta) vydal esperantský prospekt o Bratislave. Pýtajte si pre svojich zahranič. dopisovateľov, alebo oznámte presné adresy.

**Ĉe sanktaj akvoj, II.** Samideáni, ktorí si objednali I. diel tohto románu a ešte nemajú II. diel, nech si ho hneď objednajú u SEI. Cena 54.— Kčs vyplatene poštou. Cenu pošlite vopred složenkou S-9615, Slov. esp. ústav, Martin. Na složenke poznačte, za čo platíte. Prvý diel už nemáme!

**Upozorňujeme,** že chystané preklady zo slov. literatúry do esperanta vyjdú v nakladateľstve TATRAN v Bratislave. Neobjednávajte ich u Slov. esp. ústavu. Knihy ešte nevyšly.

Taktiež vo veci **Kultura Revuo** sa musíte obracať priamo na Povereníctvo informácií a osvety, Bratislava, Októbrové nám. 12.

# ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: MARTIN, Slovakotour, ĈSR-Slovakujo
VI-a JARKOLEKTO • FEBRUARO 1951 • NUMERO 2



*Franõ Štefunko: La nacia heroo Jánošík ĝojegas*

# Saluto el Martin

Multaj niaj eksterlandaj legantoj pensis, ke „T. S. Martin" estas nomo de redaktoro aŭ eldonanto, ĉar siajn leterojn ili ofte adresadis al *Sinjoro T. S. Martin* en ĈSR. Tamen Martin ne estas persono, sed *urbo!*

La mallongigojn „T. S." ni riskis jam antaŭ jaroj, kiel plisimpligon por eksterlandanoj kaj en la unua tempo la poŝto serĉis nin tra la tuta Respubliko, ĝis fine ĝi alkutimiĝis, ke „T. S." signifas „Turčiansky Svätý" (pron. T*u*rĉjanski Sveti) Martin, Skta Martino de Turiec (T*u*rjec).

Kvankam la nomo de nia urbo, rilate al sia longeco, ne reprezentas mondrekordon, tamen la eksterlandanoj kripligadis ĝin ĉiamaniere. Iuj skribis pri Turka (Turcque) Svätý Martin. Amika redakcio de turisma revuo en najbara Hungarujo, tituladis ĝin: Turxisnackey Svatey Martin.

Kio estas la kaŭzo de la ĉi-jara forfalo de la mallongigoj, resp. atributoj de nia urbo? La evoluo! Malgranda urbeto kreskis je konsiderinde granda urbo per aliĝo de najbaraj urbeto kaj vilaĝoj, kiuj fariĝis ĝiaj antaŭrboj. Tiamaniere ekestis novaj loko-nomoj: Martin-Vrútky, Martin-Priekopa ktp. Turčiansky Svätý Martin-Vrútky, Turčiansky Svätý Martin-Priekopa ktp., estus iomete longaj nomoj, kvankam ankaŭ ili ne signifus mondrekordon, ĉar ĝin certe kaj fikse tenas vilaĝo en Kimrujo, nomata Llanfairpwllgwyngyllgogerychwyrndrobwll-llantysiliogogogoch = Paroĥo de Skta Mario apud Arboj Blankaj Avelujoj kaj apud Akvofalo-Paroĥo de Skta Tisilio ĉe Ruĝa Kaverno (LL en LLan prononcu kiel angla „th", aŭ hispana „z").

La signifo de la kuniĝo evidentiĝas jam el jena unusola ekzemplo. En antaŭaj tempoj la urbo vane klopodis atingi aŭtobusan komunikon kun urbeto Vrútky. Tion ne permesis la Ŝtataj Fervojoj, ĉar temis pri komuniko inter *du* urboj, eĉ paralele al la fervojlinio! Post la kuniĝo la Fervojoj jam ne kontraŭstaris, ĉar temis pri komuniko *enurba*. Tial nuntempe inter Martin kaj Vrútky oni povas veturadi ne nur per ŝtata fervojo, sed ankaŭ per urbaj aŭtobusoj.

Urbeto Martin estis unue centro de Turiec, unu el la plej malgrandaj *departementoj*. Post ilia ĉesigo ĝi fariĝis centro de unu el la plej grandaj *distriktoj*. Tamen la evoluo postulis ankaŭ la forigon de grandaj distriktoj kaj nuntempe en Turiec troviĝas jam du distriktaj centroj: Martin kaj Turčianske Teplice (pron.: T*u*rĉjanske Tjeplice). *Eliz*

*Konstruajo de Matica slovenská (Patrineto Slovaka)*

*La plej nova pavilono de Ŝtata malsanulejo*



*Ŝtata gimnazio — flanka vido*



# Martin kaj ĝia Muzeo

Martin, ĉirkaŭita de montoj, kuŝas en valo kiel perlo, kies brilantaj radioj trapenetras la tutan Slovakion. Kvankam malgranda, ĝi estas grava kultura centro de Slovakio, ĉar en ĝi troviĝas Matica Slovenská, diversaj institucioj de tutlanda signifo kaj Slovaka Nacia Muzeo. Unuvorte: Martin estas la patro, zorganta pri ĉiuj siaj infanoj, eĉ se kelkaj el ili superkreskis lin, sian paĉjon.

Unue mi vizitis la muzeon. Sur monteto staras belega, granda, nova konstruaĵo kun surskribo: Slovenské Národné Múzeum.

Min plej interesas popolarto, naciaj kostumoj, ceramiko kaj metio kaj tial mia afabla gvidantino venigis min en la sekcion de folkloro. Enirinte en la ejon, ŝi suprentiris la rulkurtenojn kaj tra la fenestro sunlumo plenradiis la salonon. Sur nekapteblaj lum-ondoj, kvazaŭ sur senfina oceano fluis kaj balanciĝis abundeco de koloroj. Mi estis tiel ravita, ke mi vidis nur la pasintecon en tuta ĝia beleco. Nur en senpera proksimeco oni povas plene pritaksi la nekoncepteblan komplikitecon de la plej diversaj ornamaĵoj kaj detaloj.

Mi troviĝis en vilaĝo kun lignaj dometoj kaj sonorilejo, kampa kruco, muelejo, paŝtista kabano, brikbakejo, farbejo ktp.

Ĉiu objekto estas belege prilaborita, ĉiu konstruaĵo havas delikatajn ornamaĵojn; ĉiu fenestra submuraĵo, ĉiu septo de la pordoj estas majstra verko de nekomparebla delikateco kaj ĉarmo. Ili ne estas nur mekanikaj ornamaĵoj, en ĉio estas emocio kaj moviĝemo. La fantazio de la vilaĝanaj gemajstroj havis liberan kampon: oni ne povas imagi pli perfektan kunfandiĝon de ĉiuj detalaĵoj.

La samon mi povas diri pri la ceramika arto: ĝi estas unika en sia beleco. Ĉie speguliĝas la homa kre-forto, ĉiupaŝe superanta kaj venkanta la materion.

La staturoj en belegaj naciaj kostumoj aspektas kiel vivantaj homoj, kiujn malica sorto rigidigis ĝuste en tiu stato, en kiu ili troviĝis. Mia fantazio ilin denove revivigas kaj antaŭ miaj okuloj la vilaĝo svarmas per aĝuloj, infanoj, gejunuloj, gefianĉoj en gaja kuneco. . .

Jes, kulturo, kiel valoro, devas resti poreterne!

*Milda Jakubcová*




*Slovaka Nacia Muzeo*

*Dekstre:*
*popola arkitekturo*

*Sube:*
*okcident-slovaka popolĉambro*

*Sube dekstre:*
*antikvaj abelujoj (monda raraĵo)*










*Unuamaja politika marŝo*



*Konstruado de domoj por laboristoj*

# Martin kaj ĝia evoluo

Martin, la ĉiama lulilo de nacia revivigo, en sia evoluo estis ĉiudirekte malhelpata flanke de la feŭdalaj kaj pli poste kapitalismaj reĝimoj. Post la unua liberiĝo en 1918 ĝi fariĝis nacia kultur-centro sur konservativa bazo burĝara. Dum la dua mondmilito ĝi orientiĝis al Soveta Rusujo, kun kies idea kaj materia helpo ĝi proklamis — jam la 25-an de aŭgusto 1944 — Nacian Revolucion kontraŭ la faŝismaj okupantoj. Nek la duraj heroaj bataloj, nek la senmezuraj oferoj rompis la Revolucion post ĝia dumtempa subpremo: ĝi vivis plu en la fidelaj batalantoj por la libereco kaj rajtoj de la ĉeĥa kaj slovaka popoloj.

Post la dua liberigo pere de la Soveta Armeo, Ĉeĥoslovaka Arme-korpuso kaj rumana taĉmento, la komencaj malhelpaĵoj estis venkitaj kaj en februaro 1948 la slovaka popolo, devenanta 95 %-e el laborantaj tavoloj, deĵetis la bremsantojn de la progreso. Nuntempe urbo Martin kaj ĝia tuta ĉirkaŭaĵo apartenas al modelaj konstruantoj de la ŝtato kaj socialismo. Apud kulturaj kaj artistaj institucioj — helpe de la registaro de ĈSR — evoluas ankaŭ ĝia industrio, en kiu ne estos plu ekspluatata kaj mizeranta, malsatanta homo, ĉar ĉiuj geviroj povas perlabori kaj sekurigi sian ekziston.

*J. Ch.*

*Nacia lernejo unuagrada*



*Elmontra fenestro de Slovakotour*



# Matica slovenská — konstruanto de socialismo

La fondo de Matica slovenská en 1863 estis la sekvo de naci-reviviga movado, gvidata de nacie konscia tavolo de la burĝaro, sed sian moralan forton ĉerpanta el la klopodoj liberigi la laborantaron el sub senkompata materia kaj spirita ekspluatado.

La plej urĝaj problemoj tiutempe estis: unuigi la por-naciajn laborantojn, plialtigi la klerigon de la popolo kaj plibonigi ĝian materian situacion. Kompreneble, en la tiama duonfeŭdala Hungarujo dum socia kaj nacia subpremadoj ne ekzistis favoraj cirkonstancoj por evoluiĝo, ĉar al Matica slovenská ne estis permesite fondadi lokajn filiojn kaj pere de ili efektivigadi popoledukan laboron. Malgraŭ tio la jarkunvenoj de Matica slovenská fariĝis forumo, kie estis formulata la politika kaj kultura programoj de la nacio. Krom scienca laboro Matica slovenská zorgis ĉefe pri popoledukado, precipe pri problemoj koncernantaj ekonomion. Sed la reakciularo, kiu ekregis post la aŭstria-hungara kompromiso, ĉesigis en 1875 ankaŭ la agadon de Matica slovenská, timante la popolan movadon, kiun ĝi estigadis.

Tuj post la estiĝo de la unua Ĉeĥoslovaka Respubliko Matica slovenská transprenis la zorgojn pri servado al la plej bazaj kulturbezonoj. Pro neekzisto de scienca centro en Slovakio, ĝi (MS) favoris la organizadon de naciaj scienco kaj arto, eĉ malprofite al aliaj gravaj bezonoj, kia estas ankaŭ la konkrete planataj kleriga kaj popoleduka laboroj. En tiu ĉi aspekto Matica slovenská estas la vera bildo de malgranda kultura diferenciiteco en la epoko de kapitalismo.

Post la liberigo en 1945, sed precipe post la venko en februaro 1948, dank' al la instruo de la grandaj genioj de socialismo, precipe de J. V. Stalin, kulturo ricevas signifoplenan rolon en la konstruaj klopodoj de la laboranta popolo. Matica laŭplane enviciĝas en la konstruan socialigan programon de la slovaka popolo: ĝi transdonas la organizadon de scienca laboro al Slovaka Akademio de Sciencoj kaj Artoj en Bratislava kaj ĝi mem dediĉas sin al popoledukaj kaj klerigaj taskoj. Ĝiaj konkretaj klopodoj direktiĝas al aktualaj bezonoj: plialtigi la aktivecon de la laboranta amaso en plenumado de la Kvinjara Plano, surbaze de ĝia plialtiĝinta vivnivelo plialtigi ankaŭ la nivelon de ĝia klereco kaj tiel helpi ĝin en ĝia granda lukto por pli bonaj vivo kaj estonteco.





*Turistaj kabanoj en Malgranda Fatra: 1. sur Magura, 2. sur Martinaj Nudmontoj*

*Sur pĝ. 24: Ŝtataj banejoj en Turčianske Teplice (parta vido)*

Tiujn ĉi taskojn Matica slovenská realigas en siaj du sekcioj: en la *Sekcio por arta edukado,* kiu organizas kaj arte kaj idee direktigas la amatoran artan aktivadon, kaj en la *Sekcio por popularigo de sciencoj.*

La Sekcio por arta edukado konsistas el kvin centroj de amatoraj artrondetoj. La *Centro de amatoraj dramgrupoj* havas jam longjaran tradicion kaj hodiaŭ ĝi organizas 1260 grupojn de amatoraj teatristoj. La *Centro de amatoraj kantĥoroj* zorgas pri la progresigo de la popola ĥorkantado kaj zorgas pri 320 organizitaj kantĥoroj. La *Centro de amatoraj orkestroj,* kreita antaŭ relative mallonga tempo, organizas popolajn muzikistarojn, kies nombro jam superis la ciferon 240. La *Centro de folkloraj dancgrupoj,* organizanta 70 grupojn, zorgas pri kulturado de popolaj dancoj. La *Centro de marionetaj amatoraj dramkluboj,* zorganta pri 60 organizitaj kaj pli ol 200 neorganizitaj dramgrupoj, kulturantaj la arton de pupa teatro per pend-marionetoj kaj fingraj marionetoj, samdirektas la laboron de la slovaka marionetistaro. Ĉe ĉiu el la kvin centroj ekzistas konsilantaro, konsistanta el siafakaj spertuloj. La centroj laboras laŭplane kaj influas la vivon en koncerna artfako pere de kursoj kaj kursaroj, en kiuj estas edukataj novaj adeptoj aŭ gvidantoj por la grupoj. Tiuj ĉi centroj organizas krom kursaroj distriktajn, regionajn kaj landajn konkursojn kaj t. n. konkurson de aktiveco. Ankaŭ laborkonferencoj helpas direkti la laboron. La eldonaĵoj de la Sekcio por arta edukado senpere koncernas la problemarojn de la unuopaj centroj. Estas eldonataj monataj revuoj *Nia Teatro* (por dramgrupoj kaj marionetistoj) kaj *Muziko-Kanto-Danco* por la ceteraj tri centroj. Krom tio estas eldonata faka literaturo kaj tri serioj da teatraĵoj.

La *Sekcio por popularigo de sciencoj* konsistas el kvar fakoj: Fako por kulturaj sciencoj, Fako por naturscienocoj, Fako industria kaj Fako terkultura. Ĉe la unuopaj fakoj kreiĝas grupoj de popularigantoj, konsistantaj el konataj scienculoj kaj klerigaj laborantoj, kiuj peradas la novajn rezultojn de la koncerna grupo de sciencoj al la laborantaro. Krom tiuj ĉi grupoj estas ĉe ĉiu fako organizataj konsilantaroj, kiuj direktas la laboron.

Praktika laboro estas farata en la t. n. lego-rondetoj, kiuj estas organizataj ĉe lokaj filioj de amas-organizoj, precipe ĉe Unuecaj Terkulturistaj Kooperativoj. Ĝis nun ekzistas proksimume 620 tiaj rondetoj. La konkretan laboron de la sekcio helpas la periodaĵo *Nia laboro*, enhavanta labormaterialojn por solenaĵoj, festoj, akademioj kaj pri aktualaj problemoj. Al la popularigo de sciencoj kaj literaturo servas ankaŭ la revuoj de Matica slovenská *Slovensko (Slovakio), Slovenské pohľady (Slovaka Observo)* kaj la populara monata gazeto *Matičné čítanie;* la lastenomita aperadas en 40.000 ekz. Al la popolklerigistoj servas la dumonata periodaĵo *Ľudovýchova (Popolklerigo).*

Nuntempe estas preparata leĝo pri ŝtatigo de Matica slovenská. Tio ĉi signifas, ke Matica slovenská fariĝas ĉiam pli grava popolkleriga instituto, al kiu la ŝtato donas ĉiam pli gravajn taskojn. Ĝi do fariĝas la ĉefhelpanto de la ŝtata kleriga aparato kaj do grava helpanto en konstruado de socialismo.

*Ľ. Č.*



*Turista kabano ĉe Borišov-monto en Granda Fatra*



*Markado de turist-vojeto*



*Kastelruino Sklabiňa ĉe Granda Fatra*

# „Ĝardeneto de Turiec"

En nordokcidenta Slovakujo (400 m s. m.) kuŝas ebenaĵo, nomata Turjec. Oriente ĉirkaŭas ĝin montaro Granda Fatra, norde kaj okcidente Malgranda Fatra. Ĉi montaroj sude kuniĝas en montoj de Kremnica, riĉaj je oro kaj arĝento. La ebenaĵon pro ĝia beleco oni nomas „Ĝardeneto de Turjec". Ĉie ĉirkaŭe, kvazaŭ barilo, etendiĝas longaj kaj larĝaj montoj, arbarkovritaj ĝis la alteco de 1300 m. Super la arbarlinio, la montoj estas nudaj — ĉi tie etendiĝas herbejoj kaj paŝtejoj. En la arbaroj vivas melo, sur la arboj saltadas sovaĝkato, embuskas danĝera linko, kuradas kapreoloj kaj cervoj, vagadas urso. Super la montoj kaj herbejoj cirkuladas sovaĝbirdoj kaj tiam kaj tiam aperadas aglo. En pli altaj regionoj sin paŝtas ŝafoj kaj troviĝas paŝtistkabanoj,

kie el ŝafa lakto estas farataj diversspecaj bongustaj fromaĝoj. En arbaraj torentoj naĝas trutoj, en rivero Turiec salmoj, ezokoj ktp.

Bona paŝtaĵo por brutaro, profundaj arbaroj kaj malgrandaj grotoj en kalkoŝtonaj montoj, jam en pratempoj vivtenis kaj ŝirmis la homon. En la grotoj estis trovitaj ostoj de grota urso, entere oni trovis cindrujojn, ŝtonajn kaj bronzajn ilojn, krome batalilojn el la VII.-IX. jarcentoj.

El kastelruinoj ni menciu almenaŭ du.

La kastelo Zniev situas plej alte en Slovakujo. En ĝi trovis rifuĝejon reĝo Belo IV-a, fuĝinte antaŭ la Tataroj post perdita batalo en 1241. Ĝis la XVI-a jarcento ĝi estis t. n. departementa kastelo. La nomita reganto fondis ĉe ĝi monaĥejon kaj la monaĥoj fondis lernejon, konstruis fiŝlagetojn kaj fabrikis paperon. La popolo lernis de ili fabriki vegetaĵoleojn, kiujn ole-vendistoj disveturigadis tra Eŭropo, eĉ Siberio.

La kastelo Sklabiňa en la XIV-a jarcento transprenis la rolon de „departementa kastelo“. Ĝi ĉesis esti tia en 1746, kiam departementa sidejo fariĝis Skta Martino de Turjec. La suban kastelon (el 1610) bruligis germanaj faŝistoj dum la Slovaka Nacia Revolucio en 1944 kiam vilaĝo Sklabiňa ludis gravan rolon.



*gardo de sur Martinaj Nudmontoj al la norda parto de Malgranda Fatra*



*Parto de rokaro de Gader-valo en Granda Fatra*



*Fatra-Kriváň (1711 m) en Malgranda Fatra*

En malnovaj preĝejoj troviĝas artistaj memoraĵoj kaj en vilaĝoj interesaj estintaj nobelaj sidejoj, la t. n. kurioj.

La vilaĝeton Skta Martino de Turjec la regnestro urbigis, sed ĝi ne povis evolui pro la enviemo de la departementaj kastelposedantoj. En la XIX-a jarcento ĉi tie estis prezentataj la unuaj slovaklingvaj teatraĵoj. La popolo ĉiuaŭguste kunvenadis en belegaj popolkostumoj, al naciaj festoj. La urbo fariĝis slovaka Mekka, ĉar ĉiu konscia Slovako konsideris sia devo viziti ĝin almenaŭ unufoje. Ĉi tie estis eldonataj gazetoj politikaj, sciencaj, klerigaj kaj libroj ĉiuspecaj. Ĉi tie ekestis la unuaj industriaj kaj ekonomiaj entreprenoj slovakaj.

La Ĝardeneto de Turjec estas riĉa ankaŭ je mineralaj akvoj. La plej signifaj estas tiuj en Turčianske Teplice, konataj de 1281. Super 6 termalaj radioaktivaj fontoj estas konstruitaj bazenoj. La fontovarmo moviĝas inter 41—47.5 gradoj de Celsius. Oni kuracas ĉi tie muskolan kaj artikan reŭmatismon, iskiatikon, renajn, urinvezikajn, haŭt- kaj virinmalsanojn. Preskaŭ 2 km longa parko, konifer-arbaroj kaj belega ĉir-



*Vastaj skiterenoj sur Martinaj Nudmontoj*

kaŭaĵo helpas al efika rekreado. En la pasintaj jarcentoj ĉi tie kunvenadis la nobelaro por sin kuraci kaj ne estis loko por malriĉularo. La nuna socialisma aranĝo ebligas la sanigadon de la laboranta popolo.

Ferozaj fontoj troviĝas en ĉiuj anguloj de Turjec, krome ankoraŭ unu sulfura fonto. La mineralakvo „Fatra“ estas fame konata en la tuta Respubliko, ĝi forigas la superfluan stomakacidon. La termala fonto en Mošovce estas uzata por subĉiela banejo.

Malgranda Fatra ĉe la norda limo de Turiec estas pli alta kaj ĝiaj pintoj atingas la plej altan punkton de 1711 m per Kriváň (pron.: krivaanj — Kurba Monto). Ĉi tiujn belegajn regionojn somere vizitadas multaj turistoj kaj vintre progresintaj skiistoj. Sur la sudaj, turjecaj deklivoj troviĝas 3 turistaj kabanoj. La kabanoj sur la nordaj deklivoj troviĝas en la belega Vrátna-valo, de kie oni povas atingi la montĉenon per sidlevilo.

La okcidenta parto de Malgranda Fatra nomiĝas Martinaj Nudmontoj, kun rava elrigardo ĉiudirekta. Monto ĉe monto, sur deklivoj verdas



*Granda Rozsutec (1606 m), la plej romantika monto de Malgranda Fatra*

*Sur la lasta paĝo: Montĉeno de Malgranda Fatra, rigardata de sur Rozsutec*

arbaroj koniferaj kaj foliaraj, en la valoj brilas riveretoj kaj torentoj. La plej supra parto — ĉirkaŭ 7 km longa kaj tre larĝa — estas herbokovrita kaj nur kun disa kreskaĵaro de pumilio. Pro tio ĉi-loke vintre troviĝas la plej bonaj kaj plej variaj skiadterenoj. En alteco de 1300 m staras granda, moderne ekipita turista kabanego. — Sur la Martinajn Nudmontojn kondukas ne nur pluraj markitaj irvojetoj, sed ankaŭ komforta serpent-vojo, irebla ankaŭ por motorveturiloj. Printempe en 1945 sur ĉi tiuj kaj najbaraj montoj okazis kruelaj bataloj.

Montaro Granda Fatra ne estas tiom alta ol la Malgranda Fatra, sed ĝi estas multe pli longa kaj pli larĝa. Ĝi estas kalkoŝtona kaj formas belegajn sceneriojn. Ĝi havas longegajn valojn, kiujn la turistoj vizitadas tre volonte. Ankaŭ ĉi tie troviĝas turistaj kabanoj, markitaj irvojoj, ebligantaj longajn kaj ravajn turismajn ekskursojn. *J. B.*

---

**Letervesperon** okaziĝos Esperanto-Klubo en MARTIN, Slovakotour, ČSR, la 23. V. 1951. Korespondemuloj, sendu bildkarton aŭ leteron. Respondo certa!

*Ludo Izák:*

# KURZ ESPERANTSKÉHO DOPISOVANIA.

Zopakuj si prvú lekciu toľko ráz, aby si ju vedel nazpamäť!

Kiu deziras korespondi? — Kto (si) želá korešpondovať?
Kiu volas korespondi? — Kto chce dopisovať?
Ĉiu deziras (volas) k . . . . — Každý . . .

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Mi | deziras | (volas) | korespondi | — ja | (si) | želám | (chcem) dopisovať |
| (ci) vi | „ | „ | „ | ty | „ | želáš | (chceš) dopisovať |
| li | „ | „ | „ | on | „ | želá | chce |
| ŝi | „ | „ | „ | ona | „ | „ | „ |
| ĝi | „ | „ | „ | ono | „ | „ | „ |
| ni | „ | „ | „ | my | „ | želáme | (chceme) |
| vi | „ | „ | „ | vy | „ | želáte | (chcete) |
| ili | „ | „ | „ | oni, ony | | želajú | (chcú) |
| oni | „ | „ | „ | želá (chce) sa; ľudia **chcú, prajú si . . .** | | | |

Poznámka: Osobné zámeno „*ci*“ (ty) sa používa len veľmi zriedka, skôr literárne, lebo esperantista v y k á každému tvoru, teda i dieťaťu a zvieraťu.

Upozornenie: Nikdy nevynechajme osobné zámená! Ako sme totiž videli, prítomný čas slovesa želať, priať (si) a slovesa *chcieť* končí sa v esperante v každej osobe na „*-as*“ (deziras, volas). „Deziras korespondi“ nám teda nepovie, kto vlastne si praje, či chce dopisovať. Začiatočník často robí túto chybu, na ktorú potom hneď dostane (alebo aspoň mal by dostať) otázku: — Kiu deziras korespondi? . . . Preto chybnú, či neúplnú vetu musí doplniť niektorým osobným zámenom *(mi, li, ni* atp. *dez. kor.)* Uvedenému zdanlive odporuje skutočnosť, že v esperant. časopisoch vídavame rubriku s nadpisom: „Korespondi deziras . . .“, ale to je vlastne len úvod, začiatok vety, lebo v ďalšom texte uvádzajú mená osôb, ktoré si chcú dopisovať.

*Kiu?* — kto? ktorý, -á, -é? . . . je *opytovacie zámeno.*
*Ĉiu* — každý . . . je *všeobecné zámeno.*
*mi, ci, vi, li, ŝi, ĝi, ni, vi, ili* . . . sú *osobné zámená.*
*oni* . . . je *neurčité zámeno.*
Zámená používame za mená (miesto podstatných a prídavných mien).
*Ŭ* — krátke „u“ ako keď od bolesti skríkneme „au!“
Pozor: esperantské „*aŭ*“ znamená: alebo.
Krátke „ŭ“ používame v dvojhláskach „aŭ“ „eŭ“ ako v slovách: *aŭtomobilo* (č.: aŭtomobílo), *Eŭropo* (č. Eŭrópo).
*kun* — s (vždy len v smysle: spolu!)
*sinjoro* — pán, *sinjorino* — pani
Pozor: v uvedených slovách „n“ čítaj tvrdo, teda sin-joro, sin-joríno, ale nie siňjóro, siňjoríno, alebo dokonca siňóro, siňoríno!

*viro* — muž, *virino* — žena, *edzo* — manžel, *edzino* — manželka.
*fraŭlo* — šuhaj, mládenec, slobodný (č. s krátkym „a").
*fraŭlino* — deva, slečna, slobodná (nečítaj: fraŭĺíno!)
*kamarado* — kamarát, súdruh; *kamaradino*, kamarátka, súdružka.
*amiko* (č. amíko) — priateľ, *amikino* (amikíno) — priateľka.
*knabo* — chlapec, *knabino* — dievča, *infano* — dieťa.

Poznámka: ako sme už uviedli, esperantský prízvuk je vždy na predposlednej slabike, teda zdanlive putuje: am*i*ko, amik*i*no...

*Skratky oslovenín* (titulov):
*s-ro* (sinjoro) — pán, *s-ino* (sinjorino) — pani (vydatá)
*f-lo* (fraŭlo) — šuhaj, mládenec, slob.; *f-ino* (fraŭlino)
*k-do* (kamarado) — kamarát, súdruh; *k-ino* (kamaradino)
*s-ano* (samideano) — samideán, esperantista; *s-anino* (samideanino)
*D-ro* (i Dro) — doktoro — doktor; *D-rino,* Drino — doktorka
*Inĝ.* (inĝeniero) — inžinier; *Ark., Arĥ.* — arkitekto, arĥitekto (ĥ=ch)

Dôležité pravidlá: esperanto nerozoznáva mluvničné rody ako slovenčina (napr.: mesiac — on, hviezda — ona, slnce — ono), ale len prirodzené rody (viro — li, muž — on; virino — ŝi, žena — ona; infano — ĝi, dieťa — ono).

*Ženský rod tvoríme, odvodzujeme z mužského, príponou „-ino"*. (viď slovenské: Pavol-Paulína, Karol-Karolína, gazda-gazdiná, tesť-testiná, švagor-švagriná).

Každé podstatné meno, označujúce živú bytosť, pri ktorom nie je na prvý pohľad (z textu, alebo z diaľky) zjavné, akého rodu je, musí mať osobné zámeno „ĝi" — ono.

Homo = človek homo (ĝi) { viro (li) / virino (ŝi) / infano (ĝi) }

Kun kiu vi deziras korespondi?

Mi deziras korespondi kun {
vi, li, ŝi, ĝi, ili
sinjoro, sinjorino
fraŭlo, fraŭlino
kamarado, kamaradino
knabo, knabino
infano
amiko, amikino
samideano, samideanino }

Tieto vety obráťte takto:
Kamarado, mi deziras korespondi kun vi.
Samideanino, mi .... Fraŭlino, mi ....
Sloveso „deziras" nahraďte slovesom „volas"

Poznámka: v esperante si dopisujeme „s kto" a nie „s kým", teda: kun amiko — s priateľ, kun knabino — s dievča, čo znamená veľké uľahčenie (odpadá skloňovanie podstatných mien, s ktorým sa musíme trápiť napr. v slovenčine, kde temer každý pád má inú koncovku).